# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo
psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Septembro n-ro 9/2008

## OSMO BULLER SALUTAS "BEL-INFORMAS"

De la Ĝenerala Direktoro de Universala Esperanto-Asocio ni ricevis la jenan simpatian kaj stimulan mesaĝon: *"Kara amikoj, Kun grandega interesiĝo mi ĵus konatiĝis kun la ĉi-jaraj numeroj de "BEL Informas" en la retejo de via Ligo. Mi elkore gratulas BEL pro tiu riĉenhava, bela kaj vigla bulteno (...)! Apenaŭ estas alia landa asocio de UEA, kiu povas prezenti same altnivelan kaj eĉ ĉiumonatan informilon".*
Ni kore dankas kaj memorigas, ke "BEL informas" estas atingo ne de la estraro, sed de la tuta membraro. Ni do amase aliĝu al nia Ligo!

## LA ESTRARO DE BEL KLOPODAS FACILIGI ALIĜOJN

Pro iniciato de la Prezidanto mem de Brazila Espernto-Ligo, la sekretariejo de nia asocio klopodas enkonduki novan sistemon por faciligi aliĝojn. Anstataŭ pagi nur unufoje por tuta jaro, eblas tion fari parte, eĉ en ĉi tiuj lastaj monatoj de la jaro. Skribu al nia Sekretario Carlos Maria (carlosdotek@yahoo.com.br) kaj petu pli detalajn informojn. Ni devas pligrandigi nian anaron: la brazila esperantistaro estas multoble pli grandnombra ol la membraro de nia Ligo!

## NOVA "DVD" KUN TRAFA INFORMO PRI ESPERANTO

De Aloisio Sartorato, estrarano de Kultura Kooperativo de Esperantistoj / Rio, ni ricevis ĉi tiun gravan informon: *"Okazis hodiaŭ, la 5-an de Septembro, en la sidejo de Kultura Kooperativo de Esperantistoj, la lanĉo de la DVD "Zamenhof, um cidadão do mundo". Ĝi estas trafa portugallingva dokumenta filmo pri la iniciatinto de Esperanto, produktita de DJALMA PESSATA. La eventon ĉeestis pli ol 30 personoj. Djalma intencas en baldaŭa estonteco lanĉi alian version kun aldono de subtekstoj en Esperanto."*

## ESPERANTO-FESTIVALO EN MANAUS

Ĉe bieneto (km 15 de BR 174) proksima al la ĉefurbo Manaus, ŝtato Amazono, programiĝis por la 20-a kaj 21-a de septembro 2008 Esperanto-Festivalo por disvastigi nian aferon. Estas en la programo prelego, kurso, ekzercoj, muziko, danco kaj starigo de monumento omaĝe al pioniro en la regiono, Prof-ro Severino Felisberto de Santana. Oni kontaktis la gazetaron. Informis samideano Joacir.

## ESPERANTO EN BRAZILA KONGRESO PRI BELETRO, EN MINAS GERAIS

La aktiva Esperantistino kaj Profesorino Maria Nazaré Laroca enskribiĝis por prelegi en la II-a Kongreso pri Beletro, en la urbo Juiz de Fora, pri la temo "Esperanto, pasporto al tutmonda kulturo". La evento okazas de la 22-a ĝis la 26-a de septembro 2008: http://www.cesjf.br/congressoletras2008/programacao.asp

**3-A KONGRESO DE ESPERANTO DE LA ŜTATO SAN-PAŬLO**
**LORENA, 10-12a OKTOBRO 2008 – VENU AMASE!**

### OSMO BULLER NOS SAÚDA

O Diretor Geral da Associação Universal de Esperanto envia simpática e estimulante mensagem ao nosso "BEL informas". Agradecemos e remetemos o cumprimento a todos os membros da nossa Liga.

### DIRETORIA DA BEL FACILITA AS ADESÕES

Por iniciativa do próprio Presidente, Prof. José Passini, a Secretaria da Liga está introduzindo novo sistema para facilitar adesões. Agora, é possível pagar parcialmente, mesmo nestes últimos meses do ano. Escreva ao Secretário Carlos Maria (carlosdotek@yahoo.com.br) para informações detalhadas.

### NOVO DVD SOBRE ESPERANTO

Em 05/09/2008, lançado na sede da Cooperativa Cultural dos Esperantistas, no Rio, o DVD "Zamenhof, um Cidadão do Mundo". Trata-se de caprichado material em Português, para a divulgação do Esperanto, de autoria de Djalma Pessata. Encomende o seu exemplar e mostre aos amigos!

### FESTIVAL DE ESPERANTO EM MANAUS

Na BR 174, km 15, num sítio próximo à Capital do Amazonas, em 20 e 21/09/2008, programados palestra, curso, música, dança e inauguração de monumento em homenagem ao pioneiro Prof. Severino F. Santana

### ESPERANTO NO CONGRESSO DE LETRAS DE JUIZ DE FORA

A Profª Maria Nazaré Laroca fará palestra no evento, programado para 22 a 26/09/2008, sobre o tema "Esperanto: passaporte para a cultura mundial". Visite o sítio na Internet.

**3º CONGRESSO DE ESPERANTO DO ESTADO DE S. PAULO**
**LORENA 10 A 12 OUTUBRO 2008**

# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo

psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Septembro n-ro 9/2008


## SUKCESA 73-A RENKONTO EN LA PARAIBA VALO

La 31-an de aŭgusto 2008 okazis en Taubaté / SP, la 73-a Renkonto en la Paraíba Valo. 28 gesamideanoj aŭskultis la legadon de protokolo, prelegojn kaj debaton. La protokolon prezentis M. Serra (Lorena / SP). D-ro M. Monken (Caraguatatuba / SP) prelegis pri "Esperanto kaj Religioj"; A. Prado pri "Lumbodoloro"; A. Pettinati (Porto Real / RJ) pri "Machado de Assis". Matene, oni debatis pri la provoka temo "Kial Esperantistoj preskaŭ ne aĉetas librojn?", kun aktiva partopreno de S. Chaves (Rio /RJ), J. R. Tenório (San-Paŭlo / SP), P. S. Viana (Lorena /SP) kaj Antonio Pettinati. Posttagmeze, P.S. Viana prezentis "guton da gramatiko" pri la temo "Interpunkcio estas grava!". Dum la evento, Eldonejo "Oportuno" proponis siajn varojn. La proksima renkonto okazos en la urbo Resende / RJ, je 30/11/2008.

## TRÊS RIOS / RJ PREPARAS SKEĈFESTIVALON

Tri-Rivera Esperanto-Klubo anoncas per detala regularo la okazigon de skeĉfestivalo je la 30-a de aŭgusto 2009. Partoprenos konkursantoj kaj paralele sin prezentantaj grupoj, en la Teatro Mariano Aranha, en la najbara urbo Paraíba do Sul. Petu regularon kaj pliajn informojn de TRIEK – CLUBE DE ESPERANTO DE TRÊS RIOS. Rua 15 de Novembro, 13/1, Três Rios, Rio de Janeiro – CEP: 25.809-230.

## ORIENTA REGIONO DE MINAS GERAIS SIN ORGANIZAS

De samideano Edvaldo S. Machado ni danke ricevis la jenan sciigon:
*La grupo EKVA - Esperanto-Klubo de Valoj – je la 31-a de Julio 2008 festis 25-jaran Esperanto-Movadon je la Valoj (Riveroj Piracicaba kaj Doce), ĉe orienta parto de Minas Gerais. Ĝi inkluzivas urbojn Ipatinga, Cel. Fabriciano, Timóteo, Governador Valadares, Caratinga, João Monlevade, Itabira, São Domingos do Prata, Piracicaba, Belo Oriente, Bela Vista de Minas kaj Nova Era. Ĝia Prezidanto 2006/2008 estas S-ano Sebastião Rosa Machado. Ĉiujare okazas REVA – Renkontiĝo Esperanta de Valoj je monato Februaro. Oni planas en 2009 renkontiĝi en la urbo Governador Valadares.*

## ESPERANTO DENOVE ĈE LIBROFOIRO EN BRASÍLIA

Esperanto-Asocio de Brasília kaj Taguatinga Esperanto-Grupo denove partoprenis en la librofoiro en la brazila ĉefurbo. Oni montris al la publiko oportunan kolekton da tutmonde konataj aŭtoroj, kies verkoj estas tradukitaj al nia lingvo. Dekoj da aktivuloj helpas la iniciaton, de la 27-a de aŭgusto ĝis la 7-a de septembro 2008. Pasintjare, 600 mil homoj vizitis la foiron.

## POLOJ INTERESIĜAS PRI NIA BULTENO

Ni ricevis mesaĝon de Esperantisto, kiu subskribis per la nomo "Irek", nome de "Viavento-elsendoj", kaj interesiĝas pri nia bulteno "BEL informas" por disvastigo en Pollando, inkluzive per voĉaj mesaĝoj. Kontaktis lin nia aktiva kunlaboranto Fabiano Henrique, el Niterói, kiu siavice preparas la bonegan bultenon "Notícias Esperantistas". Ni estas je la dispono de la polaj samideanoj por la interŝanĝo.

ESPERANTISTA! NOSSA LIGA NÃO É VIRTUAL! FAÇA SUA ADESÃO E CONVIDE MAIS DOIS AMIGOS!

### MAIS UM ENCONTRO NO VALE DO PARAÍBA

Desta vez foi em Taubaté, na Casa do Advogado, em 31 de agosto, com palestras, debates, "gota de gramática" e venda de material da Editora "Oportuno". Entre os assuntos debatidos, chamou atenção o tema "Por que os Esperantistas compram poucos livros?" . O próximo encontro, como é tradição na série, acontecerá no Estado do Rio de Janeiro, em Resende, em 30 de novembro de 2008.

### TRÊS RIOS PREPARA FESTIVAL DE ESQUETES

O evento está planejado para 30 de agosto de 2009, e o Clube de Esperanto de Três Rios elaborou detalhado regulamento. Peça informações: TRIEK – CLUBE DE ESPERANTO DE TRÊS RIOS. Rua 15 de Novembro, 13/1, Três Rios, Rio de Janeiro – CEP: 25.809-230.

### MINAS GERAIS SE ORGANIZA

O Clube de Esperanto dos Vales (rios Piracicaba e Doce) festeja 25 anos de atividade, incluindo várias cidades na região. Seu atual presidente, Sebastião R. Machado, planeja encontro regional de Esperantistas na cidade de Governador Valadares, em fevereiro de 2009. Informou Edvaldo S. Machado.

### ESPERANTO NA FEIRA DE LIVRO

Dezenas de ativos Esperantistas de Brasília e Taguatinga mantiveram, mais uma vez, estande de Esperanto no importante evento, de 27/08 a 07/09/2008. Em 2007, 600 mil visitantes passaram pela feira.

### ESPERANTISTAS POLONESES CONTATAM O "BEL INFORMAS"

Graças ao valioso trabalho do colaborador niteroiense Fabiano Henrique, recebemos mensagem do grupo "Viavento-elsendoj", para divulgação de nosso boletim na Polônia.

ATENTU! BRAZILA E-LIGO NE ESTAS VIRTUALA ASOCIO! NI BEZONAS VIAN REALAN ALIĜON!